51a Jaro — N-ro 1 — Januaro Februaro 1959a

# BELGA ESPERANTISTO



Oficiala dumonata Organo de

**RÊGA BELGA LIGO ESPERANTISTA**

Asocio sen profita celo,
aliĝinta al UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO



Redaktoro-Administranto :
la Prezidanto de R.B.L.E. :
**Maur. JAUMOTTE**
Avenuo De Bruyn, 44
Wilrijk-Antverpeno

Fondita en 1908a
★
Abonprezo : Fr. 100,-

# Nova Jaro ...

# Zamenhofjaro

Dum la jus pasintaj tagoj, ni ofte deziris " novjaron " plej feliĉan al familianoj, amikoj, konatuloj.

Nia revuo ankaŭ tian deziras al ĉiuj siaj legantoj.

Sed en tiu ĉi deziresprimo, kiu temas pri bona sano, familia bonfarto, k.t.p., ĝi volas ankaŭ entenigi la grandan deziresprimon de la tutmonda esperantistaro : **ke tiu nova jaro, la Zamenhof-jaro, estu por nia Movado granda sukceso.**

Kaj por ke ĝi estu, tiu ĉi Movado bezonas la kunhelpon de ĉiu. La jaro 1959 estos por ni, **kion la esperantistaro mem volos ke ĝi estu !**

Nia deziresprimo do estas, ke ĉiuj niaj legantoj respondu ĉiujn alvokojn, kiujn ili ricevos de la respondecaj instancoj por plivigligi nian movadon dum tiu ĉi escepta jaro, dediĉata al nia bedaŭrata Majstro.

B. E.



*(kl. : « Le Jour » ; foto : G. Clisteux)*

**Nia Liga Prezidanto, S-ro Jaumotte, paroladas en la Urbdomo por danki la urbestraron. Flanke de li, de dekstro maldekstren: la honora prezidanto de la Grupo, Senatano Vandermeulen; S-ro J. Koeune, vicprezidanto; S-ro J. Hérion, prezidanto, kaj S-ro J. Soyeur, vicprezidanto de R.B.L.E.**




## 44-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO
Varsovio — 1-8. augusto 1959
*Sub honora protektado de la*
*Ministro-Prezidanto de Popola Respubliko*
*JOZEF SYRANKIEWICZ*

Bele kaj iom lukse presita eldono de la jam publikigita Unua Oficiala Bulteno, kun belaj bildoj, kun provizora programo kaj kun la nomoj de la L.K.K.'anoj, estas havebla ĉe la adreso de la Kongreso en Varsovio, kaj ankaŭ ĉe la perantinoj.

Pri la Provizora Programo troviĝas en tiu dokumento jenaj ĉefpunktoj :

I. **Manifestacioj antaŭ la Kongreso :** 1. Oficiala Antaŭkongreso ; 2. Pedagogia Seminario Cseh.

II. **Kongresaj Laboroj :** 1. Kongresaj sekcioj ; 2. Ĝeneralaj kunvenoj de U.E.A. ; 3. Fakaj kunvenoj ; 4. Komitato de U.E.A. ; 5. estraro de U.E.A. ; 6. Akademio de Esperanto.

III. **Kulturaj Programoj :** 1. Solenaĵoj de Zamenhofa Jaro ; 2. Belarta Konkurso ; 3. Oratora Konkurso ; 4. Enlandaj prelegoj ; 5. Internacia Eskpozicio.

IV. **Internacia Somera Universitato.**

V. **Festoj :** 1. Interkonatiĝa Vespero ; 2. Solena Inaŭguro ; 3. Teatraĵo (aŭ Opero) ; 4. Kongresa Balo ; 5. Specialaj vizitoj ; 6. Ekskursoj ; 7. Filmprezentado ; 8. Solena Fermo.

**Jubilea Medalo :** Por honori D-ron Zamenhof okaze de la centjara datreveno de lia naskiĝo, la L.K.K. eldonis artan surtablan memormedalon el pura arĝento, en bela skatoleto kun altabliga apogilo.

La medalo prezentas reliefan bildon de D-ro Zamenhof, kun memorskribo pri la Jubilea Jaro.

La prezo estas 2 Usonaj Dolaroj aŭ Fr. 100. Vi povas ĝin mendi ĉe la Instituto.

**Glumarkoj :** Kvarkoloraj kongresaj glumarkoj estas aĉeteblaj je prezo de Fr. 15, por folio de 25 markoj.

*

* *

### El la " Oficiala Komuniko " N. 2 (novembro 1958)

**Dua Bulteno** kun detalaj informoj pri eskursoj kaj loĝado aperos en februaro kaj estos sendata al ĉiu aliĝinto.

**Hotelaj prezoj :** La nacia turisma entrepreno " Orbis " disponigas al la kongresanoj jenajn pensionojn en hotelojn :

A (luksa) po 10 U.S. dolaroj por persono kaj por tago ;
B 7,50 U.S. dolaroj ;
C 5,50 U.S. dolaroj.

Universitata Domo : ĉirkaŭ 20 U.S. dolaroj por la tuta semajno. La prezoj inkluzivas loĝadon kaj tri kompletajn manĝojn. La manĝoj povas okazi en la Kongresejo.

**Aŭtomobilistoj :** Kongresanoj, kiuj veturos aŭtomobile al la U.K., estas petataj informi la L.K.K. por plifaciligi la necesajn formalaĵojn, plej malfrue unu monaton antaŭ sia forveturo.

**Kongresejo :** La programoj de la Kongreso okazos en la 36etaĝa Palaco de Kulturo kaj Scienco, en la koro de Varsovio.

**Ekskurso :** Unu el la kongresaj ekskursoj vizitos Byalistok, naskiĝurbon de D-ro Zamenhof, okaze de enmasonigo de la fundamenta ŝtono por la konstruota monumento al la aŭtoro de Esperanto.

**Novaj kotizoj :** Ekde la 1-a de januaro validas la novaj kotizoj : Kongresano : 7 U.S. dolaroj ; edzino : 3,50 U.S. dolaroj. Rabato al individuaj membroj de U.E.A. : 1 U.S. dolaro kaj la duono por la edzino.

## Nia 6a Beneluksa kongreso en Haarlem.
### Nia 42a Belga Kongreso

Kiel ĉiu scias, la 6a Beneluksa Kongreso, kiu estos samtempe nia 42a Belga Kongreso okazos en Haarlem la 16an, 17an kaj 18an de majo proksima kaj, en pasinta numero, ni donis ĉiujn detalojn pri la programo.

Ni en tiu ĉi numero volas tutspeciale atentigi ke la citita kotizo de Fr. 65 valoras **nur ĝis la fino de la monato januaro.** Ekde tiu dato, la prezo altiĝos ĝis Fr. 80.

La Grupestroj do kunigu, kiel eble plej rapide, la kotizojn kaj sendu ilin al S-ino Plyson, kiu prizorgas la kongresan servon.

Urĝas ankaŭ ke ĉiu mendu, kiel eble plej rapide, sian loĝadon, ĉar tiu ĉi estos iom malfacila en la kongresurbo, dum la pentekostaj tagoj.

Por siaj mendoj ĉiu plenigu la aliĝilon, kiun ni kunsendis kun la numero de novembro-decembro de nia revuo.

## *La 45a Universala kongreso en Bruselo.*

### Kunmeto kaj eklaboro de la L.K.K.

Malgraŭ la fakto ke la skeleta L.K.K. por la 45a Universala Kongreso en Bruselo, volis ekfunkcii oficiale nur je tiu momento kiam oni povis paroli pri " la proksimjara kongreso ", t.e. do tuj post la ĵusa novjaro, la Prezidanto de tiu ĉi L.K.K. tamen jam faris preparajn paŝojn, kiuj permesas esperi ke la apogo de la oficialaj instancoj en Belgujo ne estos malpli granda ol en aliaj landoj kaj vere same grava kiel ĉe ambaŭ antaŭaj Universalaj Kongresoj en nia lando, tiuj de 1911 kaj 1928 en Antverpeno.

Evidentiĝis el tiuj ĉi paŝoj, ke estas tute ne tro frue por serioze pensi pri la realigo de tiu ĉi Kongreso.

Por la laŭŝajne plej taŭga Kongresejo estis jam enskribitaj, por la jaro 1960, tri aliaj Kongresoj . . . feliĉe ne por la semajnoj kiuj nin interesas, t.e. la semajno de la 30a Julio ĝis la 6a de aŭgusto.

La Prezidanto de la L.K.K. decidis fari, en kelkaj el la plej gravaj urboj de nia lando, paroladon en kiu li intencas klarigi, ankaŭ por nespertuloj, kio estas Universala Kongreso de Esperanto ; el kio ĝi konsistas : kiel oni povas helpi al ĝia organizo, en la jaro antaŭ la Kongreso kaj dum la Kongresa Semajno mem ; kaj montri al ĉiuj ke ĉiuj kapablas helpi, ne nur la lertaj, malnovaj esperantistoj, sed ankaŭ la aliaj, kiuj preskaŭ ne jam konas nian lingvon, sed kiuj havas iun aŭ alian " hobby ", uzigeblan ĉe la antaŭpreparoj.

Unua tia parolado estis planita por dimanĉo, la 23a novembro pasinta, en Bruselo, por la surloka movado, kiu devus liveri iom gravan parton de la kunlaborontaro . . .

Dua tia parolado okazis en Antverpeno, en la kadro de E.K.I., la 12an de decembro kaj samideanoj ne alpartenantaj al UEA-organizaĵoj tamen promesis kunlabori iele al la organizaj laboroj.

Tria okazis en la kadro de la jubileaj festoj en Verviers kaj ankaŭ tie la sukceso estis granda.

Kaj fine S-ro Jaumotte ankaŭ speciale vizitis Bruĝon dimanĉon, la 11an de januaro, por paroli tie en " Cornet d'Or " en la kadro de EKI, kiu kunigas la grupojn de Belga kaj de Flandra Ligoj.

Jam de nun, ĉirkaŭ kvindek samideanoj pleniĝis demandaron rilate al sia kunlaboro al la preparaj kaj ankaŭ al la dumkongresaj laboroj !

Aliflanke, povus ŝajni, ke, jam de nun, estas intereso por la organizo de antaŭkongreso al la 45a U.K., fare de la samideanoj el Rotterdam.

F-ino M. Vermaas, prezidantino de Komitato, kiu grupigas la diversajn organizaĵojn de Rotterdam, informiĝis jam pri la ebleco ricevi la permeson : precipe ĉar la Esperantistoj de tiu urbo ĉiuokaze intencas organizi, je tiu momento, ion rilate al la floraj festoj, kiuj estas tie antaŭvidataj.

Ŝajnos al ĉiuj ke Rotterdam estas efektive tre taŭga urbo por koncentrigi, en la tagoj antaŭ la oficiala U.K., multajn samideanojn el la Nordo, t.e. el la skandinavaj landoj, kaj ankaŭ el la Oriento, nome germanojn, kaj eĉ el Okcidento, anglojn, kiuj povas veni al la kontinento, rekte al Nederlando por daŭrigi sian vojon poste al Belgujo.

Ni do povas antaŭvidi jam, ke la antaŭkongreso okazos en la nordo. Kial do ne estu la postkongreso en suda direkto . . . Kial ne en Parizo ?

Nura ideo, eĉ ne sugesto . . . Sed kiom da fojoj simpla ideo iĝis bela realeco !

Nia propra Belglando ĉiuokaze estas, surface, tro malgranda por antaŭvidi antaŭ- aŭ postkongreson sur ĝia propra teritorio . . . Ni prefere orgéanizu por tiuj, kiuj tion deziras, iun postkongresan rondvojaĝon, kiel estis, — cetere tute bone, — farita post la 28a U.K. Antverpeno 1928.

*

* *

Je la momento, kiam ni preparas la kunmeton de tiu ĉi numero, ni ekscias ke pro ne-antaŭvidita vizito de S-ro Fighiera al Rotterdam, la L.K.K. kunvokis, jam la 4an de januaro, unuan laborkunsidon, kiun ĉeestis la K.K.S. kaj dum kiu la " skeleta " L.K.K. estis plifirmigata.

Ĝi ekde nun konsistas el :

**S-ro Maur. Jaumotte,** prezidanto ;

**D-ro jur. Marcel Roost,** profesoro en la Brusela Universitato, rektoro de la Somera Universitato ; funkcio kiun li jam plenumis, en 1928, en Antverpeno ;

**S-roj G. Maertens** kaj **H. Sielens,** vicprezidantoj ;

**S-roj R. Jacobs** kaj **Lic. Luc De Marré,** profesoro en la Sta. Ludoviko-Instituto de Bruselo, sekretarioj ;

**S-ro Roger Jaumotte,** profesia jurnalisto, gazetara sekretario ;

**S-ro Oleffe,** kasisto de la Brusela Grupo, kasisto ;

Dum estas membroj de la L.K.K., kun funkcio ankoraŭ fiksota : **S-ino J. Plyson, F-ino R. Huysmans, S-ino M. Weyn, S-ro J. Verstraeten** kaj **S-ro Volders** (aŭ alia reprezentanto de la antverpenaj flandra-liganoj).

En ĉeesto de S-ro Fighiera, la L.K.K. ekkomencis la oficialajn preparajn laborojn kaj jam fiksis kelkajn detalojn, pri kiuj ni donos en nia proksima numero pliajn informojn.

Ni tamen jam diru ke, laŭ komuniko de la K.K.S., Rotterdam verŝajne rezignos la organizon de antaŭkongreso, dum pri Parizo nenio jam estas antaŭvidebla ; kontraŭe do al la supre cititaj antaŭvidoj.

## FILMO PRI ZAMENHOF KAJ LIA VERKO.

En kunlaboro kun ŝtata Pola Filmentrepreno, la L.K.K. de la 44a U.K. en Varsovio, intencas krei dokumentaran filmon de 600 metroj (ĉ. 20-30 minutoj).

Tiu ĉi filmo estas destinata ne nur por la Esperantistaro, sed precipe por la ne-Esperanta publiko. Tiel la filmo estos ja akompanata de komentario en Esperanto ; sed la sama filmo estos eldonata en diverslingvaj variantoj kun komentario pola, angla, franca, germana, ktp. Samtempe ĝi povos esti ekspluatata per landaj film-distribuejoj en ĉiuj kinoteatroj.

La enhavo de la filmo estos :

1. La historio de Esperanto. Pri la aŭtoro kaj lia ideo de Internacia Lingvo. La disvastiĝo de Esperanto tra la mondo. Literaturo, gazetaro, UEA, ktp. La triumfo de Zamenhof. Kongresoj. Zamenhof sur la ekrano (filmo de Pathé farita en Parizo 1910). Stratoj nomataj honore al li kaj Esperanto. Monumentoj. Tombo en Varsovio. Militoj minacas la movadon.

2. La nova ekfloro de la movado post la milito. La lingva ĥaoso en la mondo. La lingvaj malfacilaĵoj dum internaciaj kunvenoj. La komplikita sistemo de telefonaŭdiloj, kabinetoj de tradukistoj (materialo el arĥivo). Kiel kontrasto : Internaciaj Esperanto-kongresoj kun unu lingvo. Eldiroj, fragmentoj el paroladoj de diversnaciaj oficialaj personoj. Infana kongreseto. Balo kaj teatro. La belsoneco de Esperanto (kantoj, deklamoj). Somera Universitato. Esperanto-Muzeo en Vieno. Esperanto en la lernejojn ! Esperanto kaj Radio. UEA-UNESKO.

Por tiu ĉi filmo estos verkata speciala scenario, kiu en arta formo kaj per interesaj scenoj demonstraciu la seriozecon de nia movado. Ĝi estos kreata sub la direktado de la verkisto-filmreĝisoro Jean Forge, de spertaj fakuloj, kiuj donos certan garantion pri la kvalito de tia dokumentara filmo.

Por tiun kunmeti, la iniciatintoj bezonas multan filmmaterialon el la Esperantista vivo. Tial ili sin turnas al ĉiuj organizaĵoj kaj unuopaj esperantistoj, kiuj disponas pri pretaj filmbendoj oficialaj aŭ privataj, ilustrantaj scenojn kaj fragmentojn de internaciaj aŭ landaj kongresoj de Esperanto, filmojn de Zamenhofaj monumentoj aŭ stratoj, de kunvenoj aŭ manifestacioj por Esperanto, de Esperantaj hejmoj, hoteloj, tendaroj, ekspozicioj, ekskursoj, ekspedicioj, Cseh-metodaj kursoj, radio-dissendoj, ktp.

La pretaj kaj do ensendotaj filmbendoj povas esti normalaj aŭ mallarĝaj. La ensendontoj bonvolu aldoni ĉu ili deziras resendon de la materialo aŭ ĉu ili estas pretaj ĝin donaci al la arĥivo de CED de UEA.

Filmoj estas sendotaj al la L.K.K. de la 44a U.K. en Varsovio : sed estas dezirinde ke la belgaj samideanoj kiuj posedas tiajn filmetojn tamen interrilatu kun la Ligestraroj por ke ni mem ekzakte sciu pri kio ni disponas en nia lando kaj povu eventuale decidi pri kopiigo, antaŭ forsendo.

## VARBU ANONCOJN

Vi jam povis konstati ke, en la daŭro de la nuna jaro, diversaj el niaj amikoj-esperantistoj kaj ankaŭ ne-esperantistoj anoncas pere de nia revuo.

Estas kompreneble via devo rekompenci ilin, vizitante, kiam iel eble, iliajn magazenojn. Ili kaj ni estos dankaj al vi pro tio.

Sed, vi eble ankaŭ povas rezervigi al vi anonc-lokon en nia revuo, ĉu por vi mem, ĉu por familiano, amiko aŭ konato. Tiel vi plifaciligos la malfacilan vivon de revuo kiel la nia.

La tarifo por anoncoj, aperantaj en ambaŭ la revuoj BELGA kaj FLANDRA ESPERANTISTO, estas :

Por tuta paĝo : Fr. 500 (spaco 20 cm. x 12 cm.)
Por 1/2 paĝo : Fr. 300 (spaco 10 cm. x 12 cm.)
Por 1/4 paĝo : Fr. 150 (spaco 10 cm. x 12 cm. aŭ 5 cm. x 6 cm.)

Sed, de tiu ĉi baza prezo, vi rajtas depreni 20 % ĉe enpresigo en tri numeroj, kaj 30 % ĉe enpresigo dum tuta jaro, t.e. 6 numeroj.

Do, ekzemple : Kvaronpaĝo kostas Fr. 150 x 6 = Fr. 900 — 30 % aŭ Fr. 270, do fakte Fr. 630 por tuta jaro en ambaŭ revuoj.

Tekstojn vi sendu al la redaktoro de B.E. La fakturo estos sendata post la apero de la anonco, kune kun provnumero.

## Esperanto-Diskoj.

Dum la tuta daŭro de la U.K. en Mainz, la Kongresanoj, povis aŭdi oftfoje la Esperanto-diskon, eldonitan de la Esperanto-Filmo-Germanujo, kaj kiu surhavas kvin kantojn :

1. Ĉu ni disiru sen esper' ?
2. Adiaŭ je nokta horo.
3. La patro migris en natur'.
4. Luneburga Erikejo.
5. La Espero.

Laŭ anonco de la eldonistoj, ili vendis dum tiu Kongreso la diskon Non 001 al ĉiu kvina kongresano.

Tio estas certe brila rezultato. Ĝis kiam la provizo estos elĉerpita, tiu FILIPS-kvalit-disko 17 cm/45 rpm, nerompebla, prikantita de radio-horo de 60 geviroj, estas ankoraŭ ĉiam havebla je la valoro de 18 Respondkuponoj, ankaŭ ĉe Belga Esperanto-Instituto.

Sed pri kio ni volas atentigi estas, ke la eldonistoj intencas baldaŭ eldoni plian diskon kaj sin nun turnas al la eventuale aĉetonta esperantistaro, por ekscii kian specon ĝi deziras :

Ĉu : 1. Popolkantojn.
2. Distran muzikon (el operetoj, ktp.)
3. Modkantojn kaj dancmuzikon.

Por tion ekscii ĝi eĉ organizas konkurson kun premioj. Kiom eble plej da interesatoj do skribu sian preferon (nur UNU) kiel eble plej baldaŭ al E.F.G. Rudi Biernach, Ackerstrasse, 53, Braunschweig, Germanujo.




## KARUSELVOJAĜO.

Laŭ la kvanto de lernolibroj, kiu ĉiujare vendiĝas, ni povas diri, ke miloj kaj miloj da homoj ĉiujare lernas au komencas lerni nian lingvon. Kie ili restas ? Kial ili forlasas niajn vicojn ? La respondo ŝajnas simpla : Nia lingvo ne donas tuj la avantaĝon, kiun donas aliaj lingvoj. Ni ne rezonu, ni ne kulpigu : ni simple konstatu ĉi tiun fakton. La homoj ne lernas Esperanton (aŭ restas fidelaj), ĉar Esperanto ne estas sufiĉe utila ; kaj Esperanto ne estas sufiĉe utila, ĉar la homoj ne lernas Esperanton. Jen la problemo, jen la cirklo, kiun ni devas rompi.

Esperanto estas internacia planto, kiu nur povas flori en internacia kampo. Tial niaj universalaj kongresoj ĉiam denove ĝuas grandan sukceson. Ili estas konvinkaj manifestacioj nerefuteblaj. Kie ajn ĝi okazas, la flagoj flirtas sur la tramoj ; la ministro, urbestro aŭ alia altrangulo alparolas nin ; la gazetoj raportas pri la kunvenoj ; la restoracioj havas menukartojn en Esperanto ; tukoj kun Esperanto-teksto pendas en la urbo ; la vendistoj en la butikoj balbutas nian lingvon. Tiam la urbo atentas kaj rekonas nin. Tiam lumas nia stelo.

Bedaŭrinde ĝi lumas nur unu semajnon kaj super unu urbo. Post la fermkunsido, Esperantujo fariĝas historio. Ĝi reaperos post 51 semajnoj, sed en tute alia urbo.

Tial la subskribinto forte cerbumis, kiel ni povas krei, apud la universala kongreso, iun internacian aranĝon, per kiu nia stelo lumos pli longe kaj super pli multaj lokoj. Tiel naskiĝis la ideo aranĝi karusel-vojaĝon. Ĝi estas projekto, kiu krome portas en si multajn eblecojn por la interna, same kiel por la ekstera propagando.

Ankaŭ el financa vidpunkto tiu propagando estas efektivigebla, ĉar ĝi preskaŭ ne postulas elspezon. Tial ĝi facile estas enŝovebla en la propagando-budĝeton de ĉiu loka sekcio. La U.E.A.-estraro decidis doni sian apogon (vidu " ESPERANTO " maja-eldono paĝo 78 dua kolono) al la organizo de tiaj karuselvojaĝoj.

* * *

Interesatoj sin turnu por detala priskribo kaj programo 1959 al S-ro Hans Bakker, v. Tuyll v. Serooskerkenplein 33 Amsterdam Z. (Nederland), kiu senpage havigos ĉiujn informojn.



## *La jubileaj Festoj en Verviero*

### Ekspozicio en « Grand Bazar »

La unua kaj vere inda manifestacio en la festprogramo de la oraj festoj estis la malfermo, sabate posttagmeze, de grava, impona, tre detala kaj precipe tre bele aranĝita ekspozicio de esperantaĵoj, sur la 4e etaĝo de la grandaj magazenoj « Grand Bazar ».

Estis la direktoro de tiuj magazenoj, S-ro Dethier, kiu ĉirkaŭata de sekciestroj bonvenigis la invititojn kaj franclingve substrekis la intereson, kiun li, — kiu iam iom lernis nian lingvon, — kaj ankaŭ la administracio de « Grand Bazar » havas por nia movado.

S-ro Hérion varme dankis la direkcion, kiu ne kontentiĝis disponigi vastan salonon, sed ankaŭ kunlaboris efektive al la aranĝo mem de la ekspozicio kaj



*(kl. : « Le Jour » ; foto : G. Clipteux)*

**S-ro Urbestro Herla fotografigis sin kun la membroj de la jubileanta Grupo, kies flago estas montrata, maldekstre. Flanke de ĝi: S-ro Hérion, la urbestro, la Liga prezidanto, S-ro Maur. Jaumotte kaj, inter la urbestro kaj la loka prezidanto, ties edzino S-ino Hérion.**

tiel multe faciligis la taskon de tiuj kiuj laboradis por la pretigo kaj al kiuj, — S-ino Hérion kaj ĝiaj helpantoj —, ni sendas gratulsaluton. La loka prezidanto kaptis la okazon por skizi, antaŭ la multaj membroj de la instruistaro kiuj ĉeestis, la utilon de Esperanto kaj la servojn, kiujn ĝi povas alporti al la homaro.

Nia Liga Prezidanto, S-ro Maur. Jaumotte varme kaj entuziasme dankis, franclingve kaj esperante, la Verviersajn esperantistojn kaj la direkcion de la magazenoj.

Honorvinon prezentis ĉarmaj membrinoj de la magazena stabo ; kaj sekvis la rondirado tra la Ekspozicio.

Inter la ĉeestantoj estis, krom la Liga Prezidanto kaj S-ino Jaumotte, la du gevicprezidantoj S-ino J. Plyson kaj S-ro J. Soyeur; la tuta Verviersa komitato, gvidata de S-ro Senatano Vandermeulen, honora prezidanto, kun la sindona vicprezidanto S-ro J. Koeune kaj la vigla sekretariino S-ino Demarche ; S-ro F.

Schellekens kaj F-ino H. Brack, el Antverpeno ; S-ro Racoux, emerita lernejestro; S-ro Schaeler, direktoro de la lernejoj, S-ino Bollig, lernejestrino, kaj multaj aliaj.

**La Festvespero**

En salono de la grandioza « Ecole Technique » okazis vespere bone sukcesinta festo, kiu konsistis en la prezentado de du filmoj, du paroladetoj, unu de S-ro Dehogne, urbestro de Cornesse, en esperanto kaj unu de nia bona lieĝa samideano. D-ro Denoël, en franca lingvo, pri la vivo de Zamenhof kaj pri la naskiĝo kaj evoluo de nia lingvo.

Krome la bonega Mandolina klubo de Verviers alportis trafajn koncertnumerojn, dum kelkaj membroj de la Verviersa Grupo ludis teatraĵeton. Estis S-roj Demarche kaj S-roj kaj F-ino Vanbreuse.

Granda lotumado kun valoraj premioj kaj vigla dancado estis bela konkludo por bela festo.

**La dimanĉa akademia kunsido**

En la sama lernejo okazis, dimanĉmatene, la solena festkunsido organizita okaze de la ora jubileo.

Ĉe la honortablo, eksidis S-roj Jaumotte kaj Hérion, prezidantoj de nia Ligo kaj de la jubileanta grupo ; F-ino T. van den Reijen, ĝenerala sekretariino de LEEN, la nederlanda Ligo; S-ro senatano Vandermeulen, Urbestro Dehogne, Kairis, vicprezidanto kaj S-ino Demarche, sekretariino de la grupo kaj S-ro Firmenich, prezidanto de la Grupo de Aachen.

S-ro Hérion vere tre mallonge skizis la tamen tiel riĉan vivon de la Grupo; memorigis la plej gravajn figurojn de la sindonemaj gvidantoj; dankis la ligan, grupajn kaj eksterlandajn delegaciojn, kiuj tiel multnombraj ĉeestis. Li konkludis dirante sian fidon en la estonteco de nia movado ĝenerale kaj de la Verviersa Grupo tutspeciale.

Laŭvice parolis tiam la grupaj delegitoj: S-ro Fr. Schellekens, nome de « La Verda Stelo », Antverpeno; R. Jacobs, de la Brusela Grupo; Grafo Georges de Cuyper, de tiu de Charleroi kaj J. Soyeur, de tiu de Lieĝo, dum ankaŭ delegito el Köln alportis la saluton de tiuj, kiuj regule fratiĝas kun la Verviersanoj dum trilandaj renkontiĝoj.

F-ino Th. van den Reijen alportis la saluton de la nederlanda Ligo kaj transdonis belajn florojn, kiuj aldoniĝis al la jam de la aliaj faritaj donacoj.

Fine, parolis la Liga Prezidanto kiu, laŭ sia tradicia maniero, alportis al la jubileanta Grupo la saluton de la tuta belga samideanaro. Li memorigis kelkajn altstarajn figurojn en la historio de la Grupo, inter kiuj speciale tiun de la tiel kruele forrabita S-ro Parotte. Li varme gratulis la nunajn gvidantojn kaj speciale S-ron Hérion, la nunan prezidanton, kiu, antaŭ tiom da jaroj jam, en la skolta movado komencis sian poresperantan laboron. Dum sekvis tondra aplaŭdo S-ino Plyson nome de la Ligo transdonis la tradician oran libron por la nova periodo de kvindek jaroj jus komenciĝanta.

S-ro Hérion ankoraŭ legis multajn saluttelegramojn. Kaj konklude parolis S-ro Paul Firmenich kaj Senatano Vandermeulen, kiu en franca lingvo speciale atentigis pri la Tago de la Homaj Rajtoj.

**Oficiala akcepto en la Urbdomo**

Kaj jam estis tempo por, sekvantare, iri al la Monumento al la Militmortintoj, kie S-ro Hérion demetis florojn, kaj al la Urbdomo, kie atendis nin la



# Recenzoj

THEO RAMAKER « **Sankta Nikolao en Nederlando** ». Tradukis el la Angla S-ino Julia Isbrücker. Eldonis: Intern. E-o. Instituto Den Haag 39 paĝoj. Prezo: 6 steloj.

Estas notinda fakto ke pli kaj pli da infanoj lernas nian lingvon. Sekve: la infanliteraturo en nia lingvo kreskas. Ja, ekzistas jam lernolibroj por infanoj kaj kelkaj tre belaj libroj. Jen nova perlo en tiu genro. Ĝi estas plaĉega. Multaj belegaj ilustraĵoj. Multaj St. Nikolao-kantoj kun la muziknotoj. Ĉarmaj infandesegnaĵoj. Gepatroj kies infanoj konas Esperanton aŭ lernas ĝin, nepre donu al ili tiun libreton kiel donacon.

« INFANOJ DE LA MONDO » revuo N-ro 3 Julio 1958 de la samnoma eldonejo en Japanujo; adreso: Hongo 6-13 TOKIO. Prezo: 2 respondkuponoj.

Tiu-ĉi numero estas denove tre bela kaj pleninteresa. La enhavo estas tre varia. Kelkaj desegnaĵoj, kelkaj kantoj, iom multe da Japana skriblingvo; cetere tute komprenebIe, ĉar ili devas disvastigi ĉefe en Japanujo. Ankaŭ tie-ĉi ni forte rekomendas.

MACHADO DE ASSIS « TEATRO » 4 komedioj tradukitaj el la Portugala lingvo. Eldonis: Liga Brasileira de Esperanto Praça de Republica, 54, la Rio de Janeiro, 1958; 155 paĝoj. Prezo: Cr $ 80.00 aŭ 10 steloj por la broŝurita kaj Cr $ 150,00 aŭ 18,75 steloj por la bindita eld.

La Brazilaj gesamideanoj eldonis tiun libron okaze de la 50 jaroj kiuj pasis depost la morto de la aŭtoro. Teatraĵoj certe mankas en nia literaturo, precipe por grupoj kiuj volas prezenti ion en kongresoj ktp. Do, despli ni ĝojas pro tiu-ĉi eldono.

ALPHONSE DAUDET: « TARTARIN DE TARASKONO » el la Franca tradukis Jean Delor kaj Paul Le Brun. Eldonis Heroldo de Esperanto. 192 paĝoj; prezo: 6 Ned. Guld.

Tiu libro estas ĉefverko de la Franca literaturo. Ĝi nepre devis ekzisti ankaŭ en Esperanto. Ĝi rakontas pri la kuraĝon mankanta sed glorplena kaj gloravida Franca malgrandurba burĝo kiu deziregas kaj projektas fari heroaĵojn kaj diskonigas tion . . . sed plej eble longtempe prokrastas ! Ĉio kun bonega humoro. Oni legas kun streĉita atento kaj daŭre oni ridas. Tiu libro estas trezoro !

---

Urbestro S-ro Herla kaj pluraj konsilantoj.

S-ro Herla memorigis la vivon de la jubileanta Grupo kaj la subtenon ĉiam donitan de la Urbestraro; li poste honorigis ĝiajn senlacajn gvidantojn.

S-ro Hérion dankis persone kaj invitis S-ron M. Jaumotte alporti la dankon de la ĉeestantaro. Tion nia Liga Prezidanto vigle kaj franclingve faris, sed nur post kiam li estis tradukinta la paroladeton de la urbestro, kiu tre atente aŭskultis kaj lin gratulis. Ankaŭ la esperanto-paroladetojn de la eksterlandaj delegitoj, de la juna indonezia samideano kaj de S-roj Firmenich, Cox kaj Curnelle, nome de la germanaj, nederlandaj kaj francaj ĉeestantoj, li tradukis franclingven por la urbestro.

Post prezentado de la honorvino kaj komuna fotografado estis jam tempo por kune iri al la restoracio « Charlemagne », kie okazis, en ĉarma atmosfero, bona komuna tagmanĝo.

**Parolado pri nia U.K. 1960 en Bruselo**

Kaj multnombraj estis la partoprenintoj, kiuj tuj poste direktis siajn paŝojn ree al la Tehnika Lernejo, kie S-ro Maur. Jaumotte plej elokvente paroladis, dum plena horo, pri la organizo de nia 45a Universala Kongreso dum 1960 en Bruselo.

Post longaj aplaŭdoj kaj dankvortoj de S-ro Hérion, D-ro Denoël ankoraŭ prezidis mallongan kunsidon pri la organizo de la trilandaj renkontiĝoj, pri kiuj kolor-filmeto estis ankaŭ montrata.

Tiel vere brile finiĝis la belaj festotagoj, plej agrable kune pasigitaj en Verviers !

# BELGA KRONIKO

**Prezidanto : S-ro Maur. JAUMOTTE, De Bruynlaan, 44, Wilrijk.**
**Vicprezidanto-Kasisto : S-ro J. Soyeur, 91, Rue du Chêne, Seraing.**
**Vicprezidantino : S-ino J. Plyson, 185, rue Jourdan, Bruselo.**
**Generala Sekretario : S-ro H. Sielens, « Internacia Marista Domo », Falconrui, 21, Antverpeno.**
(Poŝtĉeknumero : R.B.L.E. : 13.37.67)

## Individua ora jubileo

Dum sia festparolado en Verviers okaze de la ora jubileo de la tiea grupo, S-ro M. Jaumotte diris ke, trarigardante malnovajn paperojn, li trovis dokumenton iom esceptan ; la statuton de la " Sereza Grupo Esperantista ", kiu stariĝis, ekzakte 50 jaroj antaŭ la tago de la festoj de Verviers.

Tiu dokumento estas subskribita de la tiama estraro . . . Kaj la tiama sekretario de la Grupo estas la nun ankoraŭ vigla kunlaboranto en nia Ligo, nia vicprezidanto S-ro Joseph Soyeur, kiu ankoraŭ loĝas en Seraing, sed estas gvidanto de nia Lieĝa Grupo. Kaj kiun nia Liga prezidanto aplaŭdigis de la multaj ĉeestantoj.

Tio sufiĉis por starigi malgrandan komploton kaj, kelkajn tagojn poste S-ro Soyeur, kiu estis invitata de la lieĝaj samideanoj paroli dum ceremonieto pri siaj memoroj el la malnova tempo, estis agrable surprizita per la fakto ke la lieĝaj amikoj ne nur memorigis, sed ankaŭ festis lian oran jubileon kaj transdonis al li, kun gratuloj ankaŭ belajn donacojn . . . Sed ke plie, el ĉiuj urboj de Belgujo, alvenis telegramoj de la plej gravaj gvidantoj de nia movado.

S-ro J. Soyeur mem diris pri tiu tago ke ĝi estas notinda per " blanka ŝtono " . . . Ni esperas ke la esperanta movado ankoraŭ alportos al li pliajn tiajn blankajn ŝtonojn kaj ni deziras al li, malgraŭ lia sanstato, kiu ne ĉiam estis samegale brila, ankoraŭ multajn jarojn de feliĉo, en lia familio kaj en lia amika kaj samideana rondo.

Ad multos annos !

ANTVERPENO

**Esperanto-Grupo « La Verda Stelo »**
(Poŝtĉeknumero : 726.54)

La 7an de novembro, okazis sukcesplena parolata ĵurnalo gvidata de S-ro Fr. Schellekens, kiun helpis F-ino M. Hofkens, S-ro H. De Roover, S-ino L. Bernaerts kaj F-ino L. De Winter.

La 14an, S-ro Roger Jaumotte denove gvidis plaĉan distran vesperon, dum kiu li ankaŭ montris memfaritan filmon pri EXPO, dum S-ro Schellekens aldonis memfaritajn diapozitojn. Ankaŭ G-roj L. De Marré sprite kunlaboris.

La 21an, pro la striko okazis nur simpla anekdota vespero, kiu iĝis neatendita sukceso kaj la 28an, S-ro R. Van Eynde montris dokumentajn sonfilmojn kaj vekis meritItan aplaŭdon.

La 5an de decembro, disvolviĝis, en Sta. Nikolaa atmosfero, kabareto dum kiu F-ino Cl. Peeters konigis sin kiel vigla kaj agrabla paroladistino. La aliaj aktoroj : F-inoj Yv. Cools kaj Mar. Dehertoghe, S-ino Mar. De Marré, S-roj Aertssens, H. kaj P. De Roover, A. Duchesne, Fr. Schellekens kaj R. Van Eynde plej lerte kunlaboris al programo, kiun S-ro F. Aertssens reĝisoris, dum S-roj Schellekens, A. Van Dessel kaj Montmirail prizorgis la dekorojn, la lumaranĝojn kaj la muzikfonon. Sekvis vizito de Sta. Nikolao (S-ro Aertssens) kun la Nigra Petro (Sro Duchesne), kiuj bele vestitaj eniris la salonon kaj ĉeestis la tombolon, organizitan de S-ino Bernaerts. F-ino E. Van der Weken zorgis ke ĉiu ricevu belan programon.

Dum la EKI-vespero de la 12a, S-ro Maur. Jaumotte, prezidanto, paroladis pri la estonta 45a Universala Esperanto-Kongreso, Bruselo 1960. Li pritraktis la multnombrajn solvendajn problemojn kaj faris diversajn proponojn kaj sugestojn por sukcesigi tiun ĉi kongreson. Li alvokis ĉiujn al kunlaboro. S-ro Van Eynde plej trafe dankis la paroladinton, kiun la ĉeestantoj varme aplaŭdis.

Poste sekvis kabareto, al kiu kunhelpis la diversaj grupoj per muzikaĵoj, filmo, deklamaĵoj kaj skeĉo.

Dum la paŭzo la Prezidanto atentigis la publikon pri la 10a datreveno de la « Solena Deklaracio de la Homaj Rajtoj » de 1948 je kies memorigo speciala eskpozicio estis organizata en parto de la salono. Li klarigis la signifon de la Deklaracio kaj ĝiajn gravecon kaj efikojn.

La 19an, la nova serio de « Tra la Mondo » temis pri « Anglujo » : S-ro De Marré komentariis koloriĝitajn diapozitivojn pri Londono, Cambridge, York kaj Canterbury; S-ino R. Lecat ŝerce priskribis la vivon de la angloj; S-ro H. De Roover priparolis filmstriojn pri Irlando kaj Skotlando.

La 26an, en kristnaska atmosfero, S-roj L. De Marré kaj R. Van Eynde pritraktis la multajn morojn kaj kutimojn en la diversaj landoj de la mondo, kaj montris pri tiuj ĉi belajn lumbildojn. S-ro Montmirail aŭdigis la specialan magnetofonbendon, faritan kaj senditan de la L.K.K. por la 44a U.K. en Varsovio, kiu vere bone kaj dece efikas. Fine, okazis la tombolo, bonege organizita de S-ino L. Bernaerts. Antaŭ ol disiri, la Prezidanto prezentis al ĉiuj siajn plej korajn bondezirojn por la nova jaro.

**Programo de la venontaj kunsidoj :**

Ĉiuvendrede en « Witte Leeuw », Frankrijklei, 4 je la 19,45a h. Paroliga Kurso; poste kunveno je la 20,15a h. (1a etaĝo).

**Januaro** : La 2an : Rerigardo de la jaro 1958a kaj Parolata ĵurnalo; la 9an : Distra Vespero organizota de S-ro R. Jaumotte; la 16an : Generala Jarkunsido! DIMANĈON, la 18an : JARA BANKEDO en la salonoj renovigitaj « Magnus », Prins Albertlei, 17, Berchem je la 17a h. Prezo : 135 Fr. (vino kaj servmono enkalkulitaj); vendredon, la 23an : Diplomdisdono kaj Kabareta Vespero; LUNDON, la 26an : Komenco de ELEMENTA KURSO en Belgiëlei, 99 je la 20a h.; la 30an : Parolado kun lumbildoj de S-ro H. De Roover pri





## Numeroj de nia revuo

S-ro Hector Bofejon, malnova antverpena samideano, deziras kompletigi sian kolekton de nia revuo kaj ni faras alvokon al ĉiuj, kiuj posedas malnovajn numerojn de antaŭ la unua mondmilito aŭ de inter la du militoj, sin konigi al la adreso de nia revuo.

« Nia bicikla Ekskurso tra Nederlando».

**Februaro:** la 6an: Parolata jurnalo; la 13an: Parolado kun lumbildoj pri « Grekujo » de S-ro E. Paesmans; la 20an: Vizito al la PULCINELA KELO: kunveno Concienceplaco je la 20a h. Programoj akireblaj; la 27an: Tra la Mondo, 6a serio « Italujo ».

**Marto:** La 6an: Parolata jurnalo; la 13an: Dokumenta Filmvespero de S-ro R. Van Eynde; la 20an: Parolado kun lumbildoj de S-ro M. De Ketelaere pri « Mia vojaĝo al Sud-Orienta Azio » (verŝajne en la kadro de EKI); la 27an: Sankta Vendreda atmosfero.

BRUGO

**Bruĝa Grupo Esperantista**
(Poŝtĉekkonto n° 4835.33)

Dum la kunveno de la 4a de novembro, post la ĉiusemajna leciono de la elementa kurso, F-ino Yvonne Poupeve paroladis pri la muzikisto Nikolo Paganini, kies violinkoncerto n° 4 en D minora estis disaŭdigata per la diskaŭdigilo.

Parolata gazeto, dum la kunveno de la 12a de decembro, (escepte merkrede pro la antaŭa festotago), enhavis kontribuojn de S-ro Ch. Poupeve pri « Ciklo de konferencoj en la Eŭropa Kolegio » kaj de F-ino L. Vermeersch kun titolo: « Leono promenas ».

La 18an de novembro estis legata kaj komentariata faldfolio pri la 44a U.K. de Esperanto en Varsovio dum la Zamenhofa jaro 1959a.

Konkursludado « Ekspo-Memorajoj », sub lerta gvidado de S-ro R. Behaeghel, tre interesis la ĉeestantojn dum la kunveno de la 25a de novembro.

La 2an de decembro, S-ro R. Lagast, anstataŭante la malhelpitan prezidanton, donis la lecionon kaj poste prezentis kelkajn humorajojn.

La kunveno de la 9a de decembro estis unue dediĉata al la rememorigo de la dekjara datreveno de la Universala Deklaracio de la Homaj Rajtoj. La prezidanto donis kelkajn klarigojn pri tiu subjekto kaj la tiurilataj Unesko-afiŝoj kun Esperanta teksto estis montrataj. La ĉeestantoj ankaŭ subskribis leterojn al U.N.O. kaj al Unesko. Poste, okaze de la jus pasinta Sta-Nikolao-Festo, okazis la dislotado de nekonataj premioj alportitaj de la diversaj gemembroj. La ofte peniga elvolvado kaj la surpriza karaktero de multaj donacoj ege agrabligis tiun kunvenfinon.

Kanta vespero ne povis okazi la 16an de decembro, ĉar en la apuda salono, bruegis balo. La gemembroj devis kunveni en la restoracio, kie post la lasta leciono, ili pasigis la duan parton de la vespero per amuza kaj leraiga portretludado.

Dum la kunveno de la 23a estis raportata, laŭ ricevitaj dokumentoj, pri la Jubileaj Festoj de la Verviersa Grupo.

Fine la 30an de decembro, la organo B.E. estis laŭtlegata kaj klarigata.



**Programo de la venontaj kunsidoj:**

Ĉiumarde, je la 8a vespere, en la sidejo « Gouden Hoorn - Cornet d'Or », placo Simon Stevin, 2, Tel. 314.59, post la ĉiusemajna leciono de la elementa kurso:

**Januaro:** 6an: Festo de la Reĝoj; 13an: Parolata gazeto; 20an: Generala Jarkunsido: Raportoj, Elekto de la Komitato; 27an: Muzika vespero kun komentario.

**Februaro:** 3an: Konkursludoj sub gvidado de S-ro R. Behaeghel; 10an: Legado de B.E.; 17an: a) Organizo de la balo de la 7-3-59; b) Parolado kun lumbildoj de S-ro R. Behaeghel, pri « Interplanedaj vojaĝoj »; 24an: Parolata gazeto.

**Marto:** 3an: Lastaj aranĝoj por la balo; Sabaton 7an: je la 21a, dua granda balo de la sezono en salonego « Concordia » kun la bonega orkestro « Eddy Burssens ». Gemembroj de aliaj grupoj povas ricevi rabaton de 50 %. Mendu viajn kartojn plej frue.

**KONDOLENCOJ**

La 17an de novembro 1958a mortis en Bruĝo S-ro Auguste STROOBANDT, jubileinta membro de la Bruĝa Grupo. Delegacio kun la grupa flago ĉeestis la enterigon de tiu dum multaj jaroj fidela membro. Al lia vidvino, S-ino Alice Stroobandt-Victoor, ankaŭ el la plej malnovaj kaj fidelaj grupanoj, ni prezentas plej korajn kondolencojn.

BRUSELO

**Reĝa Esperantista Brusela Grupo**
(Poŝtĉeknumero: 12.30.48)

La 3an de novembro, S-ro Nanquette akiris la premion de la Parolata Jurnalo. S-ro Castel faris paroladon pri UNESKO dum S-ino Elly Staes aŭdigis muzikon de Beethoven.

La 10an, estis oficiale konigata, ke S-ro Oleffe iĝas kasisto, kiel anstataŭanto de S-ro Schumacher, kiu rezignis. S-ro Pierre Piron faris paroladon pri sia vojaĝo tra Ĉekoslovakujo kaj ilustris tiun paroladon per prezento de filmo.

La 17an, S-ro D. van der Stempel daŭrigis sian perfektigan kurson, ĉiam tre aŭskultatan, kaj la 24an ne okazis kunsido pro la tramstriko.

La 1-an de decembro, tago de Parolata Jurnalo, S-ino Baudour iĝis laŭreatino de la verkitaj tekstoj kaj S-ro Baudour de la elektitaj.

La 8an, la Korba Vespero havis sukceson almenaŭ egalan al tiu de la antaŭa jaro. Por bele konkludi ĝin, S-ino Ross instruis skotajn dancojn.



La 15an, la vespero estis dediĉata al memorigo de nia Majstro. S-ro Jacobs memorigis detalojn el la vivo de D-ro Zamenhof. Kaj S-ino E. Staes kaj S-ino Jacobs alportis sian kontribuon al la plenigo de tiu bela vespero.

La 22an sekvis plia Perfektiga Kurso de S-ro D. van der Stempel kaj la 29an al la Sta. Silvestra Vespero, gvidata de S-ro Jirousek, kunlaboris S-ino Jacobs kaj la lernantoj de la paroliga kurso: S-ino Doolaeghe, G-roj Baudour, S-ro Nanquette kaj ankaŭ F-ineto Nadine Baudour, kiu prezentis belajn dancojn. Kaj ĝenerala dancado finigis tiun agrablan vesperon.

**Programo de la venontaj kunsidoj:**

Ĉiulunde, je la 20a h., en « Brasserie de la Justice », 38, place du Grand Sablon, Bruselo Ia, Tel.: 15.26.01.

**Januaro:** 5an: Parolata Jurnalo; 12an: Parolado de S-ino Elfriede ERNST: « Rakontoj »; 19an: Laborkunsido por U.K. 60; surbendigo de la nacilingva teksto de filmoj pri Brabanto, fare de S-ro Pierre Piron; 26an: GENERALA JARKUNSIDO kaj elekto de nova komitato.

**Februaro:** 2an: Parolata jurnalo; 9an: Parolado de F-ino Simone Obozinski: « Finlando »; 16an: Perfektiga Kurso, fare de S-ro David van der Stempel; 23an: Amuza vespero.

**Marto:** 2an: Parolata jurnalo; 9an: Parolado de S-ino Marguerite Daems: « Bengala Fajro »; 16an: Perfektiga Kurso, fare de S-ro David van der Stempel; 23an: Amuza vespero; 30an: Paska lundo; ne okazas kunveno.

1959 estas laborjaro por la Universala Kongreso 1960; ni rezervas do la rajton ŝanĝi kiam ajn la programon.

CHARLEROI

**Karloreĝa Grupo Esperantista**

La 16-an de Novembro en la restoracio « Le Suisse » okazis la jara festeno de la Grupo. La multnombraj partoprenantoj vespermanĝis kaj babiladis en plej agrabla kaj vigla medio. Post parolado de la Prezidanto, nia fidela membro S-ro R. De Kegel montris diversajn kaj tre interesajn kolorfilmojn pri pasintaj kongresoj kaj pri siaj eksterlandaj vojaĝoj kaj libertempo ĉe la marbordo.

La 26-an la bruĝa pentristino S-ino S. Verbeke, membrino de Bruĝa Grupo vizitis la elementan kurson. Post la leciono oni babiladis pri pentrajo kaj Esperanta movado.

La 10-an de Decembro, vespero dediĉata al la Datreveno de la Deklaracio de la Hom-Rajtoj, S-ro M. Devillez plej bone klarigis kaj komentariis tiun interkonsenton.

La 13-an delegacio de la Grupo iris al Verviers por gratuli la Grupon kaj partopreni ĝian Oran Jubileon.

La 17-an, Zamenhof-Tago: S-ro R. Halluent, unu el la plej bonaj novaj lernantoj, parolis pri la vivo kaj verko de Zamenhof.

La sukceso de nia kurso kaj la sindono de ĉiu obligis la varbadon de multaj novaj membroj kaj jam de nun ni duobligas nian membraron por 1959.

TIENEN

Nia bona, juna samideano Paul Kempeneers komencis tie bonan propagandon. Li instruas nian lingvon en la mezlernejo de Tienen kaj en la internejo de la sama lernejo. Li ankaŭ sukcesis akiri permeson pri enpresigo de bonaj artikoloj en la semajna gazeto « Ons Blad » por informi la grandan publikon pri nua lingvo.

VERVIERS

**Esperantista Grupo**

Post la du jubileaj festotagoj, la Ekspozicio en « Grand Bazar » ankoraŭ restis vizitebla dum du semajnoj. Poste la literatura kaj scienca partoj de la dokumentaro estis ekspoziciitaj en la Normala Lernejo, je dispono de la profesoroj. S-ro Hérion tie cetere paroladetis por la gestudentoj kaj profesoroj, aŭdigis la diskon de Prof. Lapenna kaj projekciis la filmon pri Goteborg. Li la samon intencas fari tre baldaŭ en la Ateneo kaj publika kurso estas anoncita, por kiu la estraro de la Grupo esperas grandan ĉeestantaron.

# RÊGA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Prezidanto : S-ro Maur. JAUMOTTE, De Bruynlaan, 44, Wilrijk.
Vicprezidanto-Kasisto : S-ro J. Soyeur, 91, Rue du Chêne, Seraing.
Vicprezidantino : S-ino J. Plyson, 185, rue Jourdan, Bruselo.
Ĝenerala Sekretario : S-ro H. Sielens, "Internacia Marista Domo"
Falconrui, 21, Antverpeno.
(Poŝtĉeknumero : R. B. L. E. : 13.37.67)

## LISTO DE LA MEMBROJ-KOMERCISTOJ

### Antverpeno

**Presejo « Espero »**, Dianalaan 180, Berchem.
**Hugo Jacques**, Lange Beeldekensstraat, 25, Presaĵoj — Tel. 33.75.38
**« Schoenen BED »** (S-ino E. Bed), Lge Gasthuisstr. 6, Ŝuoj — Tel. 32.62.86
**G. Faes**, Schoenmarkt, 16. Ĉiuj muzikaĵoj, instrumentoj, radio kaj gramofono. — Tel. 32.67.21
**Roger Jaumotte**, Cyriel Buyssestr. 44. Anoncoj en taĝjurnaloj. — Tel. 37.47.14
**K. Amerijckx**, Melgesdreef 40, Merksem. Centra Hejtado. — Tel. 45.81.07
**R. De Soete-Vanistendael**, Dambruggestraat 234. Okulvitroj — Rab. 5 %
**Cl. Peeters**, Onderwijsstraat 68. Apotekejo — Tel. 35.40.67
**Firmo van Iseghem & Verstraeten**, St. Bernardse steenweg 631, Hoboken Vitraĵoj — Speguloj. — Tel. 37.88.20
**J. Van Nereaux**, Sterstraat 1, Viandisto — Tel. 39.55.81
**H. Peeters**, Vordensteistr. 58. Schoten. Inĝen.: Neonlumo, Reklamoj. — Tel. 81.48.47
**Verdijck**, St. Rochusstraat 174, Deurne. Ĉiaj asekuroj kaj hipotekoj. — Tel. 39.06.07
**P. Peelman**, Volkstraat 34. Fumaĵoj — Pantofloj. — Tel. 37.62.55
**A. van den Neste**, Deurnebaan 30, Merksem. Presad-inkoj. — Tel. 45.78.59
**« In 't Dulfken » (S-ano Paesmans)**, Lge Koepoortstr. 64: Kostumoj (5 % rab.)
**Vino Max Bolsius**, Diepestr. 58-60: Kuirejilaro. — Tel. 32.57.85
**M. Philips, K.**, Rogierstr. 1, Antverpeno. Korsetoj — Rab. 5-10 % p.l. membroj.
**P. Vanderhoydonck-Van den Buys**, Kapelsesteenweg 549, St. Mariaburg ŝuoj — Teksaĵoj — Mercerajoj. — Tel. 74.27.86
**J. Montmirail**, Kortemarkstraat 53, Berchem. Arhitekto. — Tel. 39.58.66
**Morris de Ketelaere**, Oostenstraat 25. Privataj lecionoj pri lingvoj, ankaŭ pri Esperanto. — Tel. 39.17.09

### Bruĝo

**Marcel Poupeye**, Elf Julistr. 32. Ĉiaj asekuroj en la tuta lando — Tel. 371.93
**Charcuterie Strovl**, Vlamingstraat 38 (Teatroplaco). Viandvaroj. — Tel. 334.08
**Maison Joye**, Geldmuntstraat 29. Ĉemizoj, Gantoj, Kravatoj. — Tel. 332.75
**Firmo G. Verbeke**, Spinolarei 19: Konstrumaterialoj. Speciale naturŝtono de Jura. — Tel. 321.85
**Pan- kaj Kukbakisto R. Rosseel**, Mariastraat 30. Konsumsalono. — Tel. 338.34

### Bruselo

**M. Jirousek**, 104 rue du Téléphone ; reklamoj kaj litertipoj — Tel. 18.77.67
**Farmacisto Jacobs**, 94 rue général Eenens Bruxelles 3. — Tel. 15.26.01
**« Bonbons Swinne »**, 77 rue de Nieuwenhove. — Tel. 44.57.36
**Carrelages « Carrat »**, 19 avenue de Saxe. — Tel. 21.74.49

DRUKK. H. DE BAENE-SERCU. DELAPLACESTRAAT, 3. SINT-KRUIS — TEL. 346.36